# KATOLIKA MONDO

Redaktoro : K. MAYR
London, 16, Red Lion Square.
Kunredaktoroj :
W. Solzbacher, Germanio.
P. M. Carolfi, Italio.
P. J. A. Muffang, Francio.
J. Makara, Polio.

Esperanto-Organo de Internacio Katolika
kun junula aldono « La Juna Batalanto »




7a - Kolekto n° 4 — Marto 1926

Administracio : Kapl. Wachowski
25, Feldstrasse, Elberfeld,
Germanio
Ekspedicio :
P.-J.-A. Muffang 14bis Av. Galois
Bourg-la-Reine, Francio.


## La Stelo de Locarno kaj la Stelo de Bethlehem

De P. Franziskus STRATMANN O. P., Köln. (2)

Ambaŭ partoj retiris sin al si mem. La politikistoj enfermas sin en siajn pure politikajn interesojn kaj la kristanoj en siajn pure religiajn. En ĉiu flanko regas malkonfido kontraŭ la alia, ĉiu diras al la alia : vi ĝenas min, vi malklarigas mian sferon ; forrestu kun la religio, diras la politika homo ; forrestu kun la politiko, la religia. — La politikistoj restu en sia izoleco — ni disĉiploj de Kristo devas transpaŝi la limon ! Se la reĝoj ne plu kun ni paŝtistoj, la simplaj kreduloj, pilgrimas al Bethlehem, tiam ni paŝtistoj iru al la reĝoj !' Ni denove devas akiri iom el la venkovolo de niaj plej bonaj, kiuj kun la forto de la Evangelio paŝis antaŭ princojn kaj reĝojn, por prediki la spiriton de Kristo kaj de Lia regno. Ne malofte estis senpere ŝtata afero, en kiun ili enpenetris, sed plej ofte ili per sia kredo nedirekte efikis al la evoluo de la politikaj aferoj. La registaro ĉiam devas sekvi la volon de la popolo. Se ĉi tiu volo estas profunda, forta volo al paco, tiam, precipe nuntempe, neniu registaro povas fari militan politikon. Bedaŭrinde oni ne povas diri, ke la tuta kristanaro ĉiam en pasinteco kaj nuntempo tiom konservis la pacan idealon, kiom ĝia religio ordonas, kaj se pacosopiro ekzistis kaj ekzistas, ke tiu sopiro koncentriĝis al la volo kaj energio, kiuj estas necesaj, por efike influi la evoluon. La plendoj pri la religia indiferenteco de la Ligo de Nacioj povas esti pravaj — sed kial la religia, kristana, katolika mondo ne mem kreis Ligon de Nacioj, pli bonan ol la nunan, kial ĝi ne iniciatis, organizis kaj direktis ĝin ? Kial la kristanaro lasis la iniciaton al la aliaj, kial la malkredo donis sian stampilon al la vivo de la nacioj, kaj ne la kredo ? Tiaj demandoj povas modestigi nin en nia kritiko. Kaj ili devas nin vigligi, ke ni rebonigu la prokrastitan kaj almenaŭ kunlaboru je la evoluo kaj pliperfektigo de la Institucio de la Mondpaco. Eble ankaŭ tie valoras : « Gratia supponit naturam », t. e. la graco, la supernaturo, premisigas la naturon, postulas naturajn komencopunktojn, por tiam perfektigi la naturan. Certe ankoraŭ ne estas tro malfrue por la kunlaboro de la katolikoj je la mondpolitika novordigo.

Ĉiu kristano, al kiu la kristnaska evangelio « Pacon al la homoj sur tero ! » estas kara heredaĵo, devas el tuta koro ĝoji pri ĉiu progreso de la paca ideo en la vivo de la nacioj. Genève kaj Locarno povas fariĝi stacioj en la vojo al la Paco de Kristo en la Regno de Kristo. Tiam nur estas necese, ke la « Liaj » ĉesigu la rezervon kaj kontraŭstaron, kiun ili ofte ĝis nun montris al la problemo de la universala paco ; ke la infanoj de la lumo de Bethlehem ne lasu superi sin per tiuj de la lumo de Genève kaj Locarno, por ke oni ne denove diru : « La lumo brilas en la mallumo, sed la mallumo ne konprenis ĝin ; li venis en sian propraĵon, kaj la liaj ne akceptis lin ». La viroj, kiuj en Locarno sidis ĉe lukse servitaj tabloj, devas lerni multe, tre multe, de tiuj, kiuj en Bethlehem surgenuis ĉe la kripo, sed multe, tre multe, devas ankaŭ lerni multnombraj piaj posteuloj de la simplaj Bethlehemaj paŝtistoj, de la viroj de la agado, kiuj en senlaca laboro klopodas aranĝi la sorton de la nacioj. Je la ĉielo de l'patro de la nacioj brilas multaj steloj. La stelo de Bethlehem kaj la stelo de Locarno devas renkonti unu la alian !

***Vi legas*** K. M., sed ne pagis ĝin ? Ĉu vi scias, ke per tia agado vi bojkotas la laboron de viaj samideanoj, kiuj donas sian tempon, talenton kaj energion al nia afero ?
Sendu tuj vian abonprezon !

## La Lupo de Gubbio

Verkis Henriette Brey (4)
Tradukis Eleonore Otte

Mi petas vin, miaj fratoj, havu kompaton pri la pentanto ; lasu al li tempon por plibonigi sin kaj okazon por nutri sin honeste. Kaj pri tio pensu, kiom ofte Dio devas pardoni al ni !»

Franĉesko silentis kaj atendeme rigardis siajn aŭskultantojn, dum la lupo mallevis la kapon sur la piedojn de sia protektanto.

La vilaĝanoj staris ankoraŭ mutaj kaj senmovaj. Sed lia parolado estis tuŝanta iliajn korojn. Ili rigardis unu la alian, malcerte, ŝanceliĝante, miregante. Rigardis la malgrasan lupon kun siaj fortaj piedegoj, sia grandega kapo, sia monstra faŭko. Tiu ĉi paŝtisto de iliaj ŝafaroj ? Dungi la rabiston kiel gardisto ?..... Stranga ŝajnis tia paŝtisto al la bravaj Gubbianoj.

Tamen-tie ĉi videble la mirakla potenco de Dio kunagis.

Ĉu tiu, kiu povis krei panon el ŝtonoj, ne estas kapabla kvietigi la sangosoifon de lupo ?...

Kaj-frato Franĉesko petis por li ; ilia amata, honorata frato Franĉesko ! Tio ĉi decidigis ankaŭ la plej multe hezitantajn.

Do, en la nomo de Dio ! Ili volis provi. La pentanto ricevu sian gracopanon, kaj ili volis konfidi al li la gardon de siaj ŝafaroj.

Tiel ili ĵuris al la sanktulo.

Ĝojigite Franĉesko dankis al ilia bona volo. Kaj tuj li gvidis la monstron en la vilaĝon sur la foiron.

Ĉiuj alkuris, komence timeme kaj terurite forkurintaj, poste miregantaj pri la mir-rakonto.

Kaj nun, kiam ĉiuj estis kunvenintaj kaj formis ringon ĉirkaŭ la stranga grupo, nun Franĉesko ankoraŭfoje anoncis la penton de l'lupo kaj lian promeson plibonigi sin, kaj laste turnis sin kun laŭta voĉo al la pentanto : « Nun, frato lupo, promesu al ni denove tie ĉi antaŭ la tuta popolo publike kaj solene fidelon, kaj kiel ĵuro donu al mi la piedegon ! »

Kaj denove la lupo por ĵuro levis la piedegon kaj donis ĝin al frato Franĉesko.

Tiam laŭta ĝojego leviĝis. La ĝojo estis komuna kaj kuris kiel akvoondoj tra la rondo kaj atingis ankaŭ la plej multe timemajn.

Sentime la popolo ĉirkaŭis la ĝis nun tiel malamitan kaj timitan. Ĉiu volis karesi la iaman rabiston aŭ enmeti sian manon en la grizan felon. Kuraĝa knabeto eĉ tiklis maltime la orelon de la danĝera besto, kion ĝi suferis sen grumblo.

Nun, ne estis plu halto : subite la lupo estis la karulo de Gubbio, kiun depost nun la infanoj karesis kaj nutris per bongustaĵoj, kun kiu ili ludis kaj petolis.

* * *

Dum du jaroj ankoraŭ la konvertito vivis en paco kaj fidela laboro. Li gardis la ŝafarojn kaj sin tenis honeste kaj brave. Neniam li suferigis ŝafon aŭ ŝafidon. La bestoj baldaŭ perdis ĉiun timemon kaj ludis kun sia gardisto. Se unu foriris de la aro, la lupo zorgeme kuris post ĝi kaj milde regvidis ĝin flatante kaj ĉarmante kaj ŝovante. La plej malgrandan li eĉ prenis iam ĉe la nukofeleto kaj alportis ĝin al la timeme blekanta ŝafpatrino.

Kaj tiel longe kiel la lupo vivis, la Gubbianoj ne bezonis plendi pri iu perdo en sia ŝafaro.

Kiam la lupo fine mortis, tuta Gubbio priploris lin. Kaj frato Franĉesko eĉ devis fari funebran paroladon pri sia protektulo...

Li diris : « Fidele kaj honeste la lupo, senracia besto, plenumis sian ĵuron. Ho, miaj fratoj, kiam ni vidas, kiel vera pentado eĉ ŝanĝas la sovaĝan koron de nature sangavida besto : ĉu ni ne devas plori, ke la animo de tiel multe da kristanoj restas rigida !

Ĉu tiu ĉi lupo, kiu estas fidela, ne hontigas nin ? Ĉu la amo de Dio tiel malmulte tuŝas nin ?... Ho, ni elpelu el niaj koroj ĉiun rigorecon, ni elpelu indiferentecon kaj envion kaj malfavorecon kaj avidon kaj antipation. Ni lernu ami unu la alian kiel dikreaĵoj, kiel fratoj kaj fratinoj ! Tiam la feliĉega pactempo venos, kiam la malbeno estos forprenita de ĉiu kreaĵo kiam la lupo loĝos ĉe la ŝafido kaj la akcipitro ĉe la kolombo kaj la leono ĉe la kapreolo....»

Kaj frato Franĉesko sopirante etendis la brakojn je tiu ĉi feliĉega vizio de l'paco.

Poste li iom klinis la kapon kaj paŝis al la malleviĝanta vespersuno. Kaj la oro-ruĝe brilanta suno teksis gloran lumon ĉirkaŭ lian figuron.

# Letero el Galileo

Jerusalemo, 1 decembro 1925.

Nun mia koro estas tiom plena, ke mi devas skribi. Nur por ke ĝi fariĝu pli malpeza. Mi ne plu ŝatas skribi. Sed ĉi tio estas tro grava por multaj en Germanujo, por tiuj, kiuj volas pli ol dormeti, por tiuj, kiuj estas aŭ volas esti « junaj »! Por tiuj, kiuj volas konstrui la estontecon.

Kial oni scias tiom malmulte pri la judaj novvilaĝoj ĉi tie, pri la vivanta Zionismo, la konstruanta Zionismo en Palestino ? Teorie kaj laŭ ĵurnalraportoj oni eble scias iom, sed pri la realeco oni konas nenion ! Mi nun estas depost unu monato en la lando, migris atente kaj malrapide, nur piedire, ĝis nun nur tra Galileo. Kun okuloj malfermataj kaj ĉiam pli malfermataj pro mirado pri ĉio! Aferoj, kiujn « la pilgrimantoj al la sanktaj lokoj » tute ne vidas ! Malproksime de la stratoj, kaj vivante profunde en la realaj aferoj. Mi konas multajn germanajn novvilaĝojn, — sed io ĉi tia en Germanujo ne ekzistas ! Pri la privataj kolonidomoj, kiuj ankaŭ estas belaj, mi ne volas paroli, plej gravaj estas la komunaj novvilaĝoj. Komunista fundamento ! — Neniu havas « propraĵon » Komuna vivado. Kaj tiaj ekzistas ne kelkaj, sed multaj ! Mi mem nun jam konas 20 ĝis 30, kiujn mi vizitis — ne, estis eĉ pli ! En kelkaj vivas eble 20 homoj, en la plej multaj 50 ĝis 60, en tre multaj ĝis 300 ! Miloj vivas tiamaniere ! Oni pensas, ke oni estus meze en germana junulmovado, en plej bona, kaj ĉiuj estas judoj, multaj el Germanujo, la plej multaj tamen el la orientaj landoj. Ilia laborado, iliaj vortoj, ilia konduto kaj sintenado, ĉio estas forta, ĝojo de mirinda speco. Homoj sanaj, simplaj, liberaj. Oni nur nun vidas, kio vivas en la judo. Ĉi tion neniu imitas al ili ! Estas kvazaŭ ili povus libere spiri ĉi tie kaj nun montri siajn verajn fortojn. Plej malfacila laboro, pli malfacila ol en Germanujo ĉe la vilaĝano (Malario; senmarĉigo, ŝtonlaboro!) Tiel laboras homoj, kiuj tute ne estis kutimiĝintaj je tio, studentoj, virinoj kaj knabinoj el Varsovio, kaj aliaj. « Judoj ne scias labori » oni diras? Ridinde ! Ĉi tiuj konstruis antaŭ kelkaj jaroj la « Kviŝ » (aŭtomobilstraton) de Nazareth al Jerusalemo, la plej bonan straton en Palestino ! Kaj nun ili konstruas urbon Afule, kvazaŭ kreskigante ĝin el la tero ! Kaj konsideru la ĉiutagajn agrikulturajn laborojn en la vilaĝoj : mi ripetas : Multe pli malfacile ol en Germanujo ! pli dure, pli danĝere. Granda laborista organizaĵo (en ĝi ĉiuj « partioj »! Se tion havus niaj germanaj laboristoj, kion tiom multaj el ili deziras, ke la laboristoj kiel laboristoj kuniru) Histadrut, al ĝi apartenas la tuta terposedo. La unuopulo, ankaŭ la unuopa komunumo, nur luas ! Kiu luas, devas kulturi ! Nenia privata terposedaĵo ! Tri specoj de kulturado : private, kooperative, komune.

La lastaj estas la plej gravaj, ĉar ĉi tie unua granda provo. Neniu privata posedaĵo. Administra tekniko eble kiel ĉe monaĥejoj aŭ ĉe armeo. Nur la spirito estas alia : neniu ĉefo, neniu gvido. Ĉiu partoprenas, adoptiĝas, komune oni decidas. Nenia rigideco, egaligo, male plej granda varieco kaj vigleco, ĉar ĉiu estas entuziasmigita. Kelkaj jam ekzistas 15 ĝis 20 jarojn, la plej multaj 4 ĝis 5 jarojn, eble depost 1920. Sanaj belaj infanoj ! plej bonaj spertoj ! Kompreneble ne finpretaj, oni scias, ke por tio oni bezonas generaciojn, por tiurilate povi diri ion definitivan. Oni scias la gravecon kaj seriozecon. — La « Gdut » (laborista legiono) estas stranga aĵo, komunista ; celas fortikan « aŭtarkion » kun terkulturistoj, urblaboristoj, trafiklaboristoj kaj metiistoj — unu familio. Ĉirkaŭ mil. Do unu fermata rondo ; tute radikala. « Memhelpokomunismo ». Tre energia kaj vigla. Tute klara estas ĉi tio : Se io estu atingata, oni devas labori jarojn senfrukte. Oni devas povi malsati ; nun ankoraŭ plej granda simpleco, penoj.

Mi ne hezitas diri : Herooj ! Ĉu germanoj iam sukcesus tion, mi dubas ! Certe ne en Germanujo, en ĝia aero kaj ĝiaj statoj. En virga tero — eble —. Ĝenerale oni pensas pri Palestino nur kiel pri la lando de la pasinteco. Estas plej grava nuntempo ! « Erez Israel » de la elektita popolo, de la viva Dio ! La homoj estas tiel liberaj kaj grandaj, kiajn mi malofte renkontis, mi jam multe migris, sed tiom amike kaj gasteme mi ankoraŭ neniam estas akceptita kiel ĉi tie, en ĉiu « Ĥvuca » (komunumo) senhezite, akceptita en la familion, tuj, zorge. — La Ĥvucoth — judoj estas liberaj, suverenaj, kiel sinjoroj, kiuj estas en *sia* lando ( Erez Israel ) kaj ĝojas doni al la malriĉa kiel ili migranto. Nenie mi havis « rekomendojn » ! kaj mi estis kristano ! Kiel oni traktis min ĉe la landlimo, tiel certe ne ĉiu kristano kondutus al judo ! Tion mi nun ne povas detale rakonti al vi. Ĉio : Liberaj homoj ili estas. Sinceraj, simplaj, grandanimaj. — En Haifa mi ĉeestis laboristoparoladon. Ĉiuj estis junaj homoj, centoj, multaj studentoj antaŭe (tion oni povis vidi). Mia impreso estas neestingebla. Ne la parolado, ĝi estis kiel ĉio ĉi tie, hebrea, mi per miaj lernejoscioj de hebrea lingvo preskaŭ nenion komprenis. Sed la aŭskultantoj ! Tiom trankvilaj, ĝojaj, atentemaj, spiritaj kaj certaj; noblaj. Ankaŭ ne sulkigitaj frontoj ktp.: liberaj. Kaj mi manĝis en laborista manĝejo arangita kiel « mensa academica » — jes, en neniu « mensa » mi vidis la homojn tiel trankvilaj kaj firmaj kaj noblaj (interna nobleco ! ) kaj simplaj ! Ĉi tiuj du okazaĵoj tute silentigis min. La impreso ne estas raportebla ! Ĝi ja estas alia ol, al kio ni estas kutimiĝintaj ĉe studentoj, laboristoj, burĝoj, ĝi adaptiĝas al nenio. — Sana ĉio ĉi tie. Kunvivado ne estas « problemo » — tiom simple kaj nature kaj sane ĉio evoluas. La plej profundan impreson mi ricevis pri la knabinoj. Ĝin mi plej malmulte povas rakonti. Simplaj, fortaj, trankvilaj, ĝojaj, ĉiam certaj kaj konsciaj pri granda tasko. Ĉi tio estas komuna, kaj tio en ĉiuj personaj variecoj. Kiu volas paroli pri la « judoj », devas vidi la judojn ĉi tie. Mi ankoraŭ povus rakonti al vi multege ! Pensu, en unu monato mi nun nur migris tra la malgranda Galileo ! Nun mi venas al Jerusalemo kaj Judeo ! *Ja* sur vojoj, kiujn neniam iu « pilgrimanto » iras ! Mi multe rakontos al vi, kiam mi post 30 jaroj estos denove en Germanujo.

Multajn salutojn al vi ĉiuj !

(Ĉi tiun leteron ni prenis el la januara numero de « Grossdeutsche Jugend », aldono al la grava katolika religia-kultura revuo « *Das Heilige Feuer* » (La Sankta Fajro).

---

# El konfesoj de grandaj esploristoj

(De prof. Dr. Reinke, Kiel) -3-

n) *Theodor Schwann* (1810-1882), fama anatomo kaj ĉelesploristo : « Mi ĉiam preferis, serĉi la kaŭzon de la laŭceleco, kiun evidente atestas la tuta naturo, ne en la kreitaĵo, sed en la kreinto ».

o) *Julius Robert Mayer* (1814-1878), la eltrovinto de l'leĝo de la energikonservado, unu de la plej geniaj germanaj naturesploristoj, finis paroladon dum kunveno de l'naturesploristoj en Innsbruck (1869) per jenaj vortoj : « El plena, tuta koro mi proklamas : ĝusta filozofio devas kaj povas esti nenia alia ol propedeŭtiko (enkonduka instruo) por la kristana religio ».

p) *Werner von Siemens* (1816-1892), la konata elektroteĥnikisto : « Ju pli ni enpenetras la harmonian, per nesanĝeblaj leĝoj regulitan kaj tamen por nia intelekto tiom kaŝitan regadon de la naturfortoj, des pli alten leviĝas nia admiro de la senfina ordiga saĝeco, kiu trapenetras tiun ĉi tutan kreon ».

q) *K. A. Wurtz* ( 1817-1884 ), distingiĝinta ĥemiisto : « Kvankam la scienco eble malkaŝas al la homo la konstruon de l'mondo kaj la ordon de ĉiuj fenomenoj, tamen ĝi celas pli alten, kaj la malarbitra konvinkiĝo, ke la aĵoj ne havas en si mem siajn ekzistokaŭzon, apogon kaj originon, instigas ĝin, dependigi ilin de iu unua, unika, ĉio ampleksa kialo. t. e. de Dio ».

r) *Louis Pasteur* (1822-1895), en ĥemio kaj biologio vojotrovinta esploristo : « Je la unua rigardo, kiun faras la homo universen, ĝi rimarkas ĉie nur diversecon, multvariecon, multecon de l'aperaĵoj. Sed se tiu ĉi rigardo estas heligata per la scienco — la scienco, kiu kondukas la homon al Dio — tiam aperas al ĝi ĉie simpleco kaj unueco ».

s) *Lord Kelvin* (1824-1907) en antaŭ nelonge aperinta artikolo de la « Naturscienco j » 1924, kajero 30, Albert Einstein rimarkigas pri Lord Kelvin, antaŭe nomiĝinta William Thomson : « W. Thomson konas kaj amas ĉiuj fizikistoj kiel unu el siaj plej grandaj kaj produktivaj pensuloj de la deknaŭa jarcento. Preskaŭ sesdek jarojn W. Thomson, dotita per riĉa fantazio, malofta lerteco en uzado de l'matematika formulo kaj trapenetranta intelekto, akcelis la evoluon de la fiziko kaj diversaj fakoj de la teĥniko kaj produktis aron da sciencaĵoj de daŭra valoro ; nur malmultaj disponis pri tia fekundeco ».) : « Por la ekzisto de l'organismoj la scienco povas nomi ne alian kaŭzon ol la volon de Kreinto ». — « Nerefuteblaj pruvoj de saĝe kaj bonvole zorganta laŭceleco ĉirkaŭas nin ĉie ; ĝi instruas nin, ke ĉiuj organismoj dependas de ĉiam aganta Kreinto kaj Leĝdonanto ». — En majo 1903 Lord Kelvin deklaris en kunveno en London : « Mi ne povas konsenti, ke rilate la originon de l'vivo la scienco nek jesu nek maljesu kreantan forton. La scienco pozitive jesas kreantan forton. La scienco devigas ĉiun homon, konfesi miraklon en ĝi mem. Ne la malviva materio kaŭzas, ke ni vivas, moviĝas kaj ekzistas, sed la kreanta kaj reganta forto, kies ekziston la scienco altrudas al ni kiel kredartikolon. Ni ja konas Dion nur el Liaj verkoj, sed per la scienco ni estas devigataj, kun senkondiĉa konfido supozi regantan potencon kaj kredi je ĝi, je influo, kiu distingiĝas de la ĥemiaj kaj fizikaj fortoj. Malgraŭ ĉiu pensliberec o ni nepre devas konkludi, ke la scienco ne estas kontraŭulo, sed helpo por la religio ».

Lord Kelvin ĉiam estos opiniata unu el la plej grandaj naturesploristoj de ĉiuj tempoj. Liaj eldiroj estas des pli rimarkindaj, ĉar ili okazis en tempo, kiam la Darwin'a teorio jam estis atinginta aĝon de duona jarcento, kaj krome ankaŭ la traduko de la libro de Haeckel pri la « Welträtsel » (mondenigmoj) estis disvastigita en Anglujo.

t) *Erich Wasmann*, la eminenta kun ni vivanta formikesploristo kaj filozofo : « Sed la sama Dia

# Eklezia Revuo

*La nombro de la katolikoj* laŭ plej nova statistiko estas 324328408. El ili pli ol okono (43.119.999) loĝas en angle parolantaj landoj (laŭ « Universe » ).

*La hierarkio.* Laŭ la « Annuario Pontificio » ni nun havas 70 kardinalojn (35 italojn, 35 neitalojn), 14 patriarkojn, 917 episkopojn, 615 titolepiskopojn. Krom la diecesoj la eklezio havas 20 apostolajn delegatejojn, 198 apostolajn vikariejojn, 82 prefektejojn. En la lasta jaro unu ĉefdieceso kaj 10 diecesoj estas novfonditaj, la nombro de la titolepiskopoj pliiĝis de 610 al 615. La Vatikano havas 26 nunciojn kaj internunciojn, ĉe la Sankta Seĝo en Romo estas 25 ambasadoroj.

*La Institucio de la Propagando* en Romo eldonis statistikon pri la enspezoj en 1924 : 44 milionoj da liroj. Venis el Usono 16 milionoj, el Francujo 6 milionoj, el Nederlando 2.300.000, el Germanujo 1.680.000, el Italujo 1.500.000, el Hispanujo 1.179.000,el Belgujo 1 miliono 164.000, el Irlando 1 miliono.

*Por la katolika gazetaro en Usono.* Por kutimigi la infanojn kaj iliajn gepatrojn al la legado de katolikaj ĵurnaloj, la ĉefepiskopo de Cincinnati rekomendas al la lernejestroj kaj instruistoj de sia dieceso, uzi regule zorge elektitajn partojn el la « Catholic Telegraph » en la superaj klasoj de la unuagradaj kaj en ĉiuj duagradaj lernejoj.

*Skotlando.* Dum ke la nombro de la katolikaj preĝejoj konstante pliiĝas, en la lasta tempo ne malpli ol 12 preĝejoj de aliaj religiaj societoj estas fermitaj. Kelkaj nun estas kino-aŭ dancsalonoj, unu estas transformita en katolikan preĝejon.

*La ĵurnaloj en Germanujo.* Jen interesa statistiko. Ekzistis en Germanujo en procentoj :

| en la jaro | 1898 | 1907 | 1913 | 1917 | 1925 |
|---|---|---|---|---|---|
| Konservativ.ĵurnaloj | 24,1°/o | 24,6°/o | 22,6°/o | 16,8°/o | 24,2°/o |
| Liberalaj » | 19,5 » | 18,9 » | 14,4 » | 16,9 » | 15,6 » |
| Katolikaj » | 9,5 » | 13,1 » | 11,6 » | 13,8 » | 12,4 » |
| Socialistaj » | 1 6 » | 2,1 » | 2,2 » | 2,7 » | 4,5 » |
| Senpartiaj » | 45,0 » | 41,3 » | 49,2 » | 49,8 » | 51,0 » |

La katolikaj ĵurnaloj apartenas al la « Zentrum » kaj al la Bavara Popolpartio. Rimarkinda estas la plimulto de la senpartiaj ĵurnaloj : La granda amaso ne ŝatas principan sintenon de la ĵurnaloj, sed sensaciojn ktp. Cetere la senpartiaj krom la liberalaj havas la plej grandan eldonnombron. Kaj ĝuste ili estas la plej granda danĝero por la religia popolo : Sub la preteksto de senpartieco ili, ne akre kaj malkaŝe, sed konstante, atakas religion kaj moralon.

*En Anglujo* laŭ la nova oficiala katolika statistiko ( laŭ « Universe » ) ekzistas 2.500.000, katolikoj. 12.355 konvertiĝis en 1924. 6 diecesoj havas pli ol po 1000, 5 aliaj pli ol po 300 konvertojn. La nombro de la baptoj malpliiĝis de 68.445 al 67.565, la nombro de la edziĝoj pliiĝis de 20210 al 20.394.

*Anglujo.* Kiom kreskis la aŭtoritato de la katolikismo en la graflando Lancashire, estas konstateble el raporto pri la enkonduko de la nova episkopo de Salford en Manchester ( 21 dec. 1925). En procesio, kiun ĉeestis la ĉefurbestro kaj aliaj aŭtoritatuloj de Manchester kaj 6 urbestroj de aliaj urboj de Lancashire, la nova episkopo estas gvidita de la urbdomo al la katedralo, kie okazis la rita benedikcio. Por ebligi komprenon ankaŭ al la nekatolikoj, ĉiu ricevis presitajn klarigojn de la ceremonioj.

*La lerneja mizero en Francujo.* « Le Patriote Alsacien » (Colmar) skribas : « Kia parto de la instrubudĝeto de pli ol 1 miliardo estas donata al la katolikaj lernejoj kun iliaj 900.000 lernantoj ? Eĉ ne unu soldo! Kaj tamen, kia malpleneco en la ŝtataj lernejoj ! En 1920 la instruministro mem konstatis, ke ekzistas 2522 ŝtataj lernejoj kun malpli ol 10 lernantoj, 1097 kun malpli ol 5 lernantoj. La normala salajro de instruisto estas 7000 frankoj, do 25.333.000 fr. estas pagataj por tiaj miniatur-lernejoj. Eĉ ekzistas lernejoj, kiuj havas neniun lernanton, tamen instruisto plu ricevas salajron. Tiaj lernejoj estas ekzemple 14 en la Vendée, 25 en la departemento Ardèche, 11 en Rhône, 13 en Loire. En Pommeraye (Vendée) 1922 estis tri lernejoj ; neniu el ili havis lernanton. En Rochepaule (Ardèche) ekzistas 4 lernejoj, 2 instruistinoj kaj neniuj lernantoj ! »

*La mahometanismo en Turkujo* moderniĝas. Prezidanto Kemal Paŝa fermis la monaĥejojn; 20.000 derviŝoj devas forlasi siajn ĉelojn. Ĉio aliiĝis : La Korano estas legata en nacia lingvo. La temposistemo ne plu komenciĝas depost la forkuro de la Profeto el Mekka, sed estas kristana, resp. eŭropa.

*La katolika universitato de Milano* denove aranĝis « Universitatan Tagon », kiu rezultigis la sumon de 1.890.000 liroj.

*La manko de pastroj en Francujo* estas grandega. Por 4.400.000 animoj de Paris kaj ĉirkaŭaĵo laboras nur 1355 pastroj, do unu por 3330. En la dieceso Troyes vivas 250 pastroj, 50 pastropostenoj vakas. El 204 paroĥoj de la dieceso Nizza 500 paroĥoj vakas. En la dieceso Cambrai (760.000 animoj) dekono de la preĝejoj estas sen pastroj, kvarono de la vikaripostenoj vakas. El 419 paroĥoj de la dieceso Carcassone 113 estas sen pastroj.

*Kardinalo Mercier* de Malines mortis. Tuta Belgujo funebras.

*Jerusalemo.* Msgr. Dimitrios Kadi, la greke-katolika patriarko, mortis. Lia posteulo estas Msgr. Cirilo Moghabghab, ĝis nun episkopo de Zahle.

*La jubileoj 1926.* La granda jubileo de la Sankta Jaro post la fino en Romo estas disvastigita al la tuta mondo per papa dekreto por la tuta jaro 1926. — Oni solenas la 700-jaran jubileon de Sankta Francisko de Assisi kaj la 200-jaran jubileon de la sanktigo de Sankta Aloysius, la granda patrono de la junularo.

*La Kristanaj Sindikatoj de Hungarujo,* estiĝintaj el la kristana-sociala movado gvidata de *prelato Giesswein*, nun unuigas en 35 fakorganizaĵoj kun 436 lokaj grupoj 115.339 membrojn, el ili pli ol la duono (58.569) en Budapest. La plej multnombraj estas la ligoj de la terlaboristoj (30.000), fervojistoj (18.000), metalaboristoj (12.200) kaj tramvojistoj (8371).

*En Rumanujo* la projekto por la konkordato kun la Vatikano nun estas preta. Oni atendas baldaŭan akcepton.

*En Italujo* ĉiuj sindikatoj krom la faŝistaj estas malpermesataj. La « Azione Cattolica », la centrejo de la katolikaj organizaĵoj, protestis kontraŭ tiu monopola potenco.

*Urugvajo* estas la plej radikala lando de Sudameriko. Prezidanto Serrato estas ano de la « ruĝa partio », kiu jam depost 50 jaroj gvidas. En la lasta jardeko la diplomataj rilatoj al la Vatikano estas ĉesigitaj, kaj la katolika religio ne plu estas oficiala ŝtata religio.

*La framasona registaro de Meksiko* eldonis novan laborleĝon, kiu intencas plenan neniigon de la kristanaj sindikatoj. La paragrafo 114 diras, ke la entreprenistoj neniam rajtas intertrakti kaj fari tarifkontraktojn kun pli ol unu laborista organizaĵo kaj ke ili ne rajtas intertrakti kun sindikatoj, kiuj « icl estas ligataj kun religio aŭ kiuj defendas la ekonomiajn interesojn de la entreprenistoj kontraŭ la laboristoj ». Jam ĉi tiu kunligo de religiaj aferoj kaj «kapitalistaj interesoj » estas abomena maljustaĵo, kiun oni ja kutimiĝis trovi en paroladoj de bolŝevistaj propagandistoj, sed ne en registara dekreto. La leĝo nur volas neniigi la rajton de la katolikaj laboristoj, kuniĝi al sindikatoj laŭ iliaj religiaj interesoj.

*La Tutmonda Eŭkaristia Kongreso* en la jaro 1928 estos, kiel ĵus decidis la permanenta komitato en Romo, en Sidney (Aŭstralio).

*La manko de pastroj en Brazilio* estas grandega. Por 13 milionoj da katolikoj en Norda Brazilio ekzistas nur 1000 pastroj, en regiono, kies amplekso estas du trionoj de tiu de Eŭropo !

*En Japanujo* nun vivas 90000 katolikoj, en la jaro 1918 la nombro nur estis 75.000.

*« Patro Nia » en 1000 lingvoj.* Hungara pastro Kolomano Kertész transdonis al la Sankta Patro kolekton de la « Patro Nia » en mil lingvoj, kiujn li en multaj jaroj kunmetis.

**Atentu niajn postkontojn !**

**Aŭstrio** : Wien 130.558, Prof. W. Arnold, Zug.
**Ĉeĥoslovakio** : 303.692 Morawsko-slov. banka, Olmouc « Ika ».
**Germanio** : Koeln 113.499, Kap. Wachowski, Elberfeld.
**Polio** : Warszawa 190.809, K. Mayr, Zoug.
**Nederlando** : 2121, K. Mayr, « Ika » Hoofddorp.
**Svisio** : VII/1991 « Ika », Zug.
Enpagilojn petu ĉe Ekspedicio de K. M. aŭ ĉe la sekretariejo en Londono.

saĝeco estas laŭ teista kompreno ankaŭ la kaŭzinto de ĉiuj naturleĝoj, ne nur de la organika, sed ankaŭ de la neorganika naturo. Ĝi ampleksas la tutan universon, kiun ĝi kreis, kun ties ĉiuj evolucioj depost komenco de l'tempoj, per universala mondordo, kiun obeas la ĉielkorpoj kun siaj estiĝo — kaj movoleĝoj semharmonie kiel la evoluoleĝoj de tuta plantaro kaj bestaro. Sed la krono de la tuta harmonio de l'kreaĵaro estas la spirita vivo de l'homo, kiu senmezure superas la atomojn kaj elektronojn kun iliaj movoleĝoj, sed kies evoluoleĝoj harmonie estas interligitaj kun tiuj de la materia naturo jam en la homa ĝermĉelo. La homa spirito, kiu, kreita laŭ Dia modelo, sola el ĉiuj surteteraj estaĵoj povas ekkoni la mirindan ordon de la tuta kreo, estas ankaŭ destinita, aprobi ĝin. La muta harmonio de l'tuta naturo fariĝas per la homa voĉo laŭta gloro de senfine saĝa, potenca kaj bonvola Dio »

(Finota)

Ew. B.

# LA PACA MOVADO

**La registaroj.** En *Svisujo* la socialdemokratoj proponis absolutan senarmiligon.

*Polujo* malpliigis siajn elspezojn por la armeo je 15o milionoj da Zloty.

La *germana* ministro por eksteraj aferoj Stresemann diris en gazetartikolo: « Politiko de la revenĝo estus frenezaĵo ».

La *dana* sekurecbudĝeto nur estas kvarono de la antaŭa sumo. Danujo ja tute ne plu havas armeon, sed nur policon.

*La konflikto pri la provincoj Tacna kaj Arica* inter la sudamerikaj respublikoj Ĉilio kaj Peruo atingis akrecon danĝeran. La Junula Sekcio de la Brita Neniam-plu — Milito — Movado do publikigis jenan alvokon en sudamerikaj ĵurnaloj : « La Nacia Komitato de la Junula Sekcio de la Neniam-plu-Milito-Movado sciiĝas kun bedaŭro pri la akraj rilatoj inter Ĉilio kaj Peruo estiĝintaj el la konflikto pri la provincoj Tacna kaj Arica kaj pri la minacanta militdanĝero. Opiniante, ke milito neniam povas decidi juroproblemojn kaj, kiam oni komencas ĝin, nur gvidos al reciproka perdo kaj suferado kaj al kreskanta malamo kaj malharmonio inter la du landoj, ĉi tiu komitato alvokas la junularon de Ĉilio kaj Peruo malebligi tian militon per persona rifuzo militservi, kio estus la konduto, kiun ĉiuj membroj de la Neniam-plu-Milito-Movado decidis uzi en similaj cirkonstancoj.

*Norvegujo kaj Svedujo.* La du registaroj plilarĝigis siajn leĝojn pri tiuj, kiuj rifuzas militservi pro religia motivo, aldonante ankaŭ tiujn, kiuj rifuzas pro persona morala vidpunkto. Ili devas akcepti civilservon.

*En Nederlando* nun 24 militrifuzintoj estas en karcero.

*La dana registaro* decidis, ke ĉiujare la 1 decembro en ĉiuj lernejoj estu dediĉata al la Ligo de Nacioj. La ministro de instruado eldonos broŝuron klarigantan la bazon kaj la celon de la Ligo, kiu estos disdonata al ĉiuj lernantoj en tiu tago.

*La landoj ĉirkaŭ la Pacifika Oceano.* La Laboristą Konsilantaro de la Aŭstralia Respubliko invitis laboristajn delegitojn de Ĥinujo, Japanujo, Kanado, Filipinaj Insuloj, Havajo, Singapuro, Hindujo, Sud-Afriko kaj Usono al kongreso en Sidney en majo 1926, por diskuti la danĝeron de milito inter la landoj ĉirkaŭ la Pacifika Oceano.

*La Junula Sekcio de la Brita Neniam-plu-Milito-Movado* (Youth Section of No More War Movement) petis MOKA publikigi jenan salûton de sia 2 a nacia konferenco: «La Nacia Konferenco de la Junula Sekcio de la Neniam-plu Milito-Movado sendas siajn fratajn salutojn al la gejunuloj en ĉiuj landoj, kiuj laboras por la paco, kaj certigas al ili sian seriozan deziron labori kun ili kontraŭ ĉiuj formoj de milito kaj militismo kaj por la evoluo de nova socia vivo bazita sur reciproka servado kaj libera esprimado de la homa personeco. Ĝi denove konfirmas sian kredon, ke individua rifuzo de militservo ĉiuspeca estas la plej efika metodo por kontraŭbatali militon kaj alvokas la junularon tutmondan akcepti ĉi tiun metodon. Al tiuj en Danujo, Skandinavio, Belgujo, Ĉeĥoslovakujo, Jugoslavujo, Rumanujo, Finnlando, Polujo, Nederlando kaj aliaj landoj, kiuj nun estas en karcero pro rifuzo de militservo, ĝi sendas siajn sincerajn salutojn kaj certigas al ili sian solidarecon kun ili en la admirinda konduto, kiun ili akceptis, konduto kiu sendube devos pliproksimigi la tagon de universala paco.»

*Placo de Locarno.* La konsilantaro de la franca urbo St. Etienne unanime decidis, ke la placo, sur kiu estas konstruata monumento por la mortintoj de la Granda Milito, ricevu la nomon « Placo de Locarno ».

*La Instituto por Internacia Intelekta Kunlaborado* estas malfermita en Paris.

*Ĉe la lasta brita paca kongreso* okazinta en Bristol, Arthur Ponsonby M. P. pri kies kuraĝa « Paca Letero » ni jam raportis, sciigis, ke baldaŭ aperos unu el liaj lastaj verkoj en Esperanto.

# La bolŝevista danĝero en Ĥinujo

(Fino el 1-a num.)

Sed en la Kremlim oni opinias, ke en realeco ili nur havas 60.000 soldatojn, disigitaj en du grupojn kiel la tuta partio. La plimulto de la partianoj de la mortinta Sun Yat Sen transiris en novan organizaĵon, la solan, kiu havas vere bolŝevistan tendencon. Nur malplimulto, kiu aliĝas al la radikala-nacia partio de Yunnan, restas fidela al la modernaj socialistaj tradicioj de Sun Yat Sen.

Tia estas laŭ tio, kion oni scias ĉi tie ( en Moskva), la interna situacio de Ĥinujo en la plej simplaj esprimoj. Do nur la partio de Kanton donas realan oportunecon al la agado de Moskva.

La bolŝevistaj ĉefoj scias kaj diras senkaŝe, ke ilia influo al la amasoj de la Islamo estas multe pli granda ol tiu, kiun ili povus atendi en Ĥinujo. Se ili hieraŭ ankoraŭ dubis pri tio, la konferencoj, kiujn la delegitoj por la propagando en la oriento havis en ĉi tiuj tagoj kun la reprezentantoj de la flavaj rasoj, estus konvinkintaj ilin pri tiu vereco, ke ĉiu provo de bolŝevista hegemonio en Ĥinujo trovus la saman profundan malamikecon, kiun la ĥinoj montris kontraŭ la japanoj kaj angloj.

Do oni estas tre singardema en Moskva en la ordonoj sendataj al la rusaj propagandistoj disvastigitaj en la diversaj ĥinaj provincoj. Oni ja kuraĝigas la manifestadojn de solidareco kaj simpatio al la demonstraciintoj de Ŝanghaj, Kanton, Hongkong ktp. ; oni plimultigas en Moskva la plakatojn, kiuj montras la novan batalkrion : « For la manojn de Ĥinujo ! » ; sed oni atendas kaj rigardas, kiel evoluas la aferoj, antaŭ ol enmiksi sin pli multe...»

KIEN TAO.

(*Tradukita el la Bulteno de la Katolika Ĥina Junularo*)

# Naciaj abonejoj de K. M.

**Anglio :** Mr. J. E. Hookham, 45 Holmesdale Road Hampton Wick, Middlesex.

**Aŭstralio :** Fino Maud Helm, 62 Falconer str., Fitzroy, Melbourne.

**Aŭstrio :** Oni pagu senpere per nia poŝtĉeko ; elpetu poŝtpagilojn ĉe Fino Cyr. Kuta, Wien I, Judenplatz, 2.

**Belgio :** Fino J. Assenmacher, 50 rue des Minières, Verviers.

**Brazilio kaj tuta Sunameriko :** Sro Conto Fernandez, 225 Larangeiras, Rio de Janeiro.

**Ĉeĥoslovakio :** Oni pagu senpere per niaj poŝtpagiloj aŭ per Sro Fr. Buhr, Praha-Brevnov 257.

**Francio :** Sro Pierre J. A. Muffang, 14 bis avenue Galois, Bourg-la-Reine, Seine. (Compte de chèques postaux, Paris 22.482).

**Germanio :** Oni pagu per nia poŝtkonto Koeln 113499, kap. B. Wachowski, Elberfeld.

**Hispanio :** Prof. Mariano Mojado, Ábascal 13, Pral A, Madrid.

**Hungario :** Fino Heleno Fielder, Pecs, Fabriko Zsolnay.

**Italio :** Prof. Modesto Carolfi, Cortemaggiore, Piacenza.

**Jugoslavio :** Pro Ambr. Benkoviĉ, Zagrek, poŝtfako 109.

**Litovujo :** Sro Maĉernis, Ukmergas plentas 45, Kaŭnas.

**Nederlando :** per nia poŝtĉeko No 2121, K. Mayr, Ika, Hoofddorp, Haarlemermeer.

**Polio :** Pro Jak. Makara, Rzeszow, Matopoleska, poŝtĉeko : Warczawa 190.809, K. Mahyr, « Ika », Zoug.

**Rumanio :** Tria ordeno de Sankta Francisko, Cluj, Str. Consiliului 5.

**Usono :** Sro F. J. Kovarik, 2502 SO., Kedzie Av. Chicago, III.

# Abonprezoj por la jaro 1926

| LANDO | ABONO | | Ab. kaj kotizo | | Kotizo sen K.-M. |
|---|---|---|---|---|---|
| | duonjare | jare | duonjare | jare | |
| Anglio, Australio, Irlando | 1/6 s | 3 s | 2 s | 4 s | 1 s |
| Argentino | 1 5 po | 3 p o | 2 p o | 4 p o | 1 p o |
| Austrio | 2,4 s | 4,8 s | 3 s | 6 s | 1.5 s |
| Belgio, Luksemburgo, Francio | 8 frs | 15 fr | 12 fr | 20 fr | 5 fr |
| Brazilio | 1.5 mr | 3 mr | 2 mr | 4 mr | 1 mr |
| Ĉeĥoslovakio | 12 kr | 20 kr | 15 kr | 30 kr | 8 kr |
| Danio | 1,5 kr | 3 kr | 2 kr | 4 kr | 1 kr |
| Germanio | 1,5 mk | 3 mk | 2 mk | 4 mk | 1 mk |
| Hispanio | 2 p | 4 p | 2.5 p | 5 p | 2 p |
| Hungario | 2.4 k | 4.8 k | 3 k | 6 k | 1.5 k |
| Italio | 8 l | 15 l | 12 l | 20 l | 5 l |
| Jugoslavio | 18 d | 35 d | 25 d | 50 d | 15 d |
| Litovio | 3 l | 6 l | 4 l | 8 l | 2 l |
| Nederlando | 0,75 fl | 1.5 fl | 1 fl | 2 fl | 0.5 fl |
| Polio | 2 z | 4 z | 2,5 z | 5 z | 1 5 zl |
| Rumanio | 40 l | 80 l | 50 l | 100 l | 20 l |
| Svisio | 1,8 fr | 3,6 fr | 2 4 fr | 4.8 fr | 1,20 fr |
| Usono | 0,40 d | 0,75 d | 0,50 d | 1 d | 0.25 d |

**Rimarko : Nia ekspedicio havas enpagilojn por ciuj landoj Monsendojn oni adresu al la nacia abonejo au senpere al unu el la supre nomitaj adresoj.**

## Niaj Adresoj

**Redaktoro de K.M. :** K. Mayr, 16 Red Lion Square, London WC1.

**Redaktoro de J.B. :** W. Solzbacher, Honnef a Rh. Spiesgasse, Germ.

**Administracio :** Kapl. B. Wachowski, Elberfeld, Feldstr. 24, Germ.

**Ekspedicio :** P.I.A. Muffang, 14 bis, avenue Galois, Bourg-la-Reine, Francio.

**Anoncoj :** Hugo Hellwig, Bochum, Weiherstr. 61, Germ.

## Anoncetoj-Korespondado

Por dufoja enpresigo ĝis 20 vortoj 1 sfr. aŭ 4 respondkuponoj. Antaŭpago nepra kondiĉo.

Mi eldonadas katolikan infanan ĵurnaleton « **Zvaigzdutė** ». Steleto. Kelkaj legantoj malgranduloj esprimas deziron korespondadi kun alilandaj katolikaj geinfanoj per poŝtmarkoj. Do filatelista afero inter malgranduloj. Kiu el alilandaj katolikaj geinfanoj konsentus al la korespondado, bonvolu sin anonci je tiu adreso : **Kulvos mokykla, Jonava, via Kaunas.** La adresojn mi anoncos en la ĵurnaleto.

Dua deziro. Mi volas konatiĝi kun infanaj ĵurnaloj alilandaj, precipe kun organoj de Unuiĝoj de Anĝelo Gardanto. Por venonta numero mi sendos nian Steleton.

S. TIJUNAITIS.

Presejo : Imp. F. Collins, Charleroi, Belgio. — 29807

